

# LA VERDA LUPEO

27-a jaro



22‹101› INFORMILO DE ELF-AREK Junio 1995

Offizelles Organ der ArGe ESPERANTO im VPhA





ESPERANTA – FILATELA – EKSPOZICIO EN BAURU (BR)

DE 15a – 24a NOVEMBRO 1949

MEMORE AL RODRIGUEZ DE ABREU (1897 – 1927)

Pela Comissão Organizadora

*(La Organiza Komitato)*

*Luiz A. Bartholomeu*
PRESIDENTE

*Dr. Eugenio M. Ribeiro*
VICE PRESIDENTE

*Leonidas Silva*
1.º SECRETARIO

Nº 053

PREÇO: - / *PREZO: -* CRS 5,00

Edição: - 1.000 Exemplares - *Eldono: - 1.000 Ekzempleroj*

## MORTIS

Nia fondiĝmembro Werner S I M O N forpasis jam dum decembro 1993. Tion ni eksciis nur en marto 1995 el la revuo "esperanto". Nia mortinta amiko S i m o n estis unu el la fruaj pioniroj de la Esperanto-filatelio. Jam en la 1930-aj jaroj li sin okupis pri la E-a filatelio, siatempe li ankoraŭ loĝis en Berlin-Halensee, proksime al la fama "Kurfürstendamm". Kun profunda funebro ni adiaŭas nian karan amikon Werner S i m o n.

## NI EN ALIAJ GAZETOJ

"MAGAZINO" DE LA LIBERA E-ASOCIO EN GERMANIO

Nia Hermann Heiss (pr.: Hajs)aperigis artikolon en ĝi pri ELF-AREK kaj pri la VERDA LUPEO / FENIKSO en n-ro 1/95.

REVUO "esperanto"

De tempo al tempo enhavas informojn pri novaj E-filatelaĵoj, en la decembra numero de 1994 eĉ pri nia klubo. En aprilo 1995 ili raportis pri la novaj francaj kaj dana E-stampoj.

AMOUROUX EN "LA PHILATELIE FRANCAISE"

Oktobro 1994: Pri la rezolucio de la 2a brazila filatela kongreso por utiligo de ESPERANTO en la filatela medio. Kun bildoj pri la E-filatelaĵoj de tiu kongreso kie samtempe okazis Internacia filatela ekspozicio.

Decembro 1994: Artikolo sub la temo: MI ESTAS DULINGVA KAJ VI? Li montras la maŝinvarbstampojn de Chambery kaj la ĉinajn E-stampojn okaze de la "120-a datreveno de la fondiĝo de Pariza Komunumo."

Marto 1995: Pri la "migrantaj kartoj" en E-ujo.
Koran dankon al niaj aktivuloj en Naestved (DK) kaj Perpignan pro ilia informa (propaganda) agado ĉe aliaj gazetoj.

## NI EN EKSPOZICIOJ

Dum la "1-a ĉina fila-ekspo por handikapuloj" en 1994 oni ankaŭ povis vidi fila-ekpozaĵon "ESPERANTO ĈIE EN LA MONDO". Montris ĝin la al ni nekonata HU FU-lan. La ekspozaĵo ricevis medalon en la 3-a rango. Gratulon al tiu al ni nekonata filatelisto.

Informis: GAO Zhenxing. Dankon al li!

## ANONCOJ

UK TAMPERE SEN ELF-AREK-KUNVENO

Nia prezidanto Ivar Paulsson sciigis, ke dum la ĉi-jara UK en Tampere ne okazos kunveno de ELF-AREK. Nia prezidanto ne mendis kunvenejon, ĉar UEA postulas pagon de 100 guldenoj por la kunvenĉambro. Tion decidis la gvidantaro de UEA kun la konsento de

la komitatanoj tial, ĉar tre ofte de fakaj asocioj menditaj kunven-ĉambroj aŭ estis multe tro grandaj aŭ ne uzataj. Ĝis antaŭ 2 jaroj kunvenejoj en UK por faka asocio en UEA estis senpaga laŭ la faritaj kontraktoj inter UEA kaj faka asocio.

Rimarko de R. Hirsch:
Eble ni povus kunveni ie en alia loko, sed tion ni devas solvi surloke. Mi petas la partoprenantajn ELF-AREK-anojn studi la rendevuan tabulon.

NOVALIĜINTOJ!!

Jean Andre Metzler, 11 rue des verges 95, F-63118 Cebazat

Eluizio Bueno Rodrigues, R.Aracoiaba 95, BR-18010 Sorocaba

ADRESŜANGOJ

Janusz Mikulski, ul. Żółnierska 11. a/46, PL-10-558 Olsztyn

A.R (Andre) Drenth, Rossumbrink 23, NL-7544 WX Enschede

# STAMPOJ




## ELSTARA FILATELAĴO KUN LA 1-A E-STAMPO

Iu el nia klubo sendis ĝin al mi kun multaj aliaj kopioj. Tiu elstara E-a bildkarto, eldonita de LKK en Krakovo, montras ne nur la normalan nuligan stampon: bonega E-stampo kaj alvenstampo ornamas ĝin! La signifo de la malgranda ronda stampo kun "15" ne estas konata, sed ŝajne temas pri iu cenzura stampo.




NEKONATA APUDSTAMPO (?) EL AUSTRIO

Nur nun ĝi venis en miajn manojn: koverto kun la E-stampo el Aŭstrio de la EŬROPA ESPERANTO KONFERENCO 1965. Maldekstre videblas dukolora stampo (viola kun verda stelo) en germana: "Speciala poŝtoficejo - Eŭropa-Konferenco de la Aŭstra E-Ligo 1965-Vieno".

Kiu tie partoprenis kaj povus ion diri, ĉu tiu stampo estas farita de poŝtejo aŭ de LKK?

GERT DRUCKER PRI NOVA BRAZILA E-STAMPO (?)




"...Jen nova brazila E-stampo (?) de "Ekspozicio pri filatelo kaj numismatiko de brazila ŝtato "GOIAS". Organizis ĝin la "Filatela Esperanto-Klubo de Korespondado kaj Kolektado" en la ĉefurbo Goiania. Tiu mallongigo CECOF aperas inter la portugala teksto de la stampo. En tiu klubo membras gejunuloj, ĉiuj novaj filatelistoj kaj Esperantistoj. Ili serĉas gekorespondantojn por interŝanĝi filatelaĵojn kaj por plibonigi sian lingvoscion. Interesuloj direktu sin al la adreso:

CECOF, Caixa Postal 983
BR-74001-970 Goiania GO

La stampo havas la daton: 08 A 11/12/94..."
Goiania estas tre granda urbo kun miliono da enloĝantoj, sude de BRASILIA. La E-klubo tie bone laboras, havas kvar UEA-delegitojn kaj funkciigis "Kulturan Esperanto Centron" (laŭ noto en "Brazila Heroldo" n-ro 5). Koran dankon al Gert Drucker pro la sendita letero kun tiuj informoj.







## NEKONATA STAMPO POR LA PEKINA UK

Nia kluba amiko GAO Zhenxing el Ĉingdao trovis ĝis nun ne konatan poŝtanunuatagan stampon por la ĉina TUT-koverto "J.F. 5" (71-UK en Pekino). La malgranda bildo montras la stampon kaj ankaŭ datstampo: kun dato: 1986 7 26. Bedaŭrinde mankas informo pri la urbo, sed pri tio ni eble raportos en la venonta LVL.
GAO skribis: "...Ĉinio estas granda kun multaj lokaj pm-kompanioj, kiuj faris, faras kaj faros memorigajn stampojn. Eble ekzistas aliaj ankoraŭ ne trovitaj stampoj por la TUT: JF 5...". En la pure ĉinlingva stampo tamen legeblas: UK 71. Supre vi trovas kopion pri la trovaĵo. Tiu TUT-koverto ja meritas havi lokon en nia LVL. En LVL 69 kaj 70 ni ne montris ĝin. Koran dankon pro la informo al nia GAO Zhenxing!

## KRONOLOGIA LISTO DE ĈINAJ STAMPOJ 1994 (2-a parto)

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 24 | 04 09 | HAIKOU | Handikapula Sportkunveno | PMK por pm |
| 25 | 25 09 | HAIKOU | Pejzaĝo Wulingyuan | PMK por pm |
| 26 | 30 09 | HAIKOU | Monto Wuyishan | PMK por pm |
| 27 | 01 10 | HAIKOU | Jubileo PR Ĉinio | PTO |
| 28 | 03 10 | HAIKOU | Printaĵo de Fu Baoshi | PMK por pm |
| 29 | 09 10 | HAIKOU | Raraj Gruoj | PMK por pm |
| 30 | 09 10 | HAIKOU | Jubileo Poŝta Unio | PMK por pm |
| 31 | 09 10 | HAIKOU | Filatela Tago | PTO |
| 32 | 04 11 | HAIKOU | Yangzi-rivero | PMK por pm |
| 33 | 17 11 | HAIKOU | Kongreso de ĈFA | PMK por pm |
| 34 | 24 11 | HAIKOU | Romano Tri Regnoj | PMK por pm |
| 35 | 10 12 | HAIKOU | Ekonomiaj Distriktoj | PMK por pm |
| 36 | 15 12 | HAIKOU | Antikvaj Pagodoj | PMK por pm |

Ĉiuj desegnitaj de Zhang Linrui.

Informis kaj sendis la stamp-kopiojn: Zhang Linrui. Ni kore dankas al li! Dankon ankaŭ al nia Werner Heimlich, kiu transdonis tiujn informojn al mi. La 1-a parto de la KRONOLOGIA LISTO de 1994 troviĝas en la LVL 20(99). PMK = Poŝtmarka Kompanio

**ATENTU:**

La stampoj TJ - 1994: 3, 4, 7, 8, 9, 13, 15, 19, 20, 23, uzitaj de la PMK Xiqua en Pekino, ne respondas al la preskriboj de la poŝtaj regularoj por stampo, laŭ opinio de ZLR, kiu karakterizas ilin "nepostaj". Al mi restas tamen enigmo, ke stampoj, faritaj




TJ 1994-24




TJ 1994-25




TJ 1994-26




TJ 1994-27




TJ 1994-28




TJ 1994-29




TJ 1994-30




TJ 1994-31










TJ 1994-32 | TJ 1994-33 | TJ 1994-34 | TJ 1994-35




TJ 1994-36

oficiale de poŝta oficejo estu nepoŝtaj. Ĉu eble povus esti, ke ĉinoj opinias "ornaman" (aŭ "memorigan")apudstampon neposta? "Apudstampo" ja ne rajtas esti stampita sur la pm, sed normale nur apud la pm. Ni konas multajn ekzemplojn de Brazilo kaj de Bulgario. Do, tiuj apudstampoj ne rajtas nuligi pm, kvankam ofte ili tion faras kontraŭleĝe. Ne nur stampoj el la jaro 1994 pekas kontraŭ la poŝtaj regularoj, aŭ ne estas poŝtaj, laŭ ZLR. Li ankaŭ skribis, ke la stampoj TJ-93-19, 20, 23, 30, 31, 33, 35 kaj 39 ne estas poŝtstampoj... Kion mi forgesis diri: por ni filatelistoj ankaŭ "apudstampo" estas poŝtstampo. Poŝtstampo ne ĉiam nuligas pm-on. Eble ĈEFA sendos klarigon, tiu organizo ja estas kolektiva membro en nia ELF-AREK ekde la pasinta jaro.

La stampkopiojn sendis nia kluba amiko Zhang LINRUI (ZLR). Li desegnis la stampojn. Koran dankon pro la kunlaboro! La stampoj haveblas en nia stampobanko ĉe nia amiko Werner Heimlich.




Apude la unua stampo de 1995, kiu atingis nin. Temas pri la "Porka Jaro". La nomo de la poŝtoficejo ne estas konata.

Temas pri la sta: TJ 1995 - 01).

GRAY (PROVINCA E-KONGRESO) =

Alvenis koverto, sendita de nia AMOUROUX kun la dato: 8-2-95
La teksto en la tekstoparto:

CONGRES REGIONAL ESPERANTO
GRAY 8/9 AVRIL 1995

En la orientfranca urbo Gray troviĝas la Nacia E-Muzeo de Francio.
Laŭ noto en la revuo "esperanto" kun la datoj de: 1 feb-8 aprilo.



UN PONT

ENTRE LES

PEUPLES

ESPERANTO

PONTO

INTER LA POPOLOJ

50º CONGRES
D'ESPERANTO
MITTELWIHR AVRIL 1995

BENNWIHR-MITTELWIHR 17-3-95

★ ZAMENHOF ★ L'ESPERANTO ★ 1859-1917 ★ CREATEUR DE

AL JEAN AMOUROUX

1, RUE DE SORÈDE

66100 PERPIGNAN

ms kun du datoj: 17. + 20.3.

M.J.C. "ESPERANTO"
311 Fg Montmélian - 73000 CHAMBERY

**BENNWIHR -MITTELWIHR (50-a KONGRESO DE SAT-AMIKARO)**

Mi ĝin ricevis kun la dato: 4.3.95. Ni poste informos pri la tempo de ĝia uzado. La tekstoparto havas la tekston:

50-CONGRES D'ESPERANTO MITTELWIHR AVRIL 1995

Mittelwihr estas granda vilaĝo en la Norda Francio. Tuj apude loĝas nia kluba amiko BASSO.

Dank'al la E-glumarko ni scias, ke temas pri la 50-a Kongreso de SAT-Amikaro. Ankaŭ de tiu ms ekzistas sendube variaĵoj. Pri ili ni pli poste informos. Dankon al nia AMOUROUX, kiu sendis la informojn pri ĉiuj ĉi-tie notitaj maŝinvarbstampoj.

**PERPIGNAN: MI ESTAS DULINGVA**

ESPERANTO | MI ESTAS DULINGVA
JE SUIS BILINGUE
KAJ VI?
ET VOUS?

PERPIGNAN C.T. 19-1-95




Jam priskribita en LVL 100. paĝo 5. Nia Amouroux trovis apud tiu SPECIMEN-stampo 4 variajojn:

-En suba rondo de la ds: PYR. ORLES . (ankoraŭ renversita ds)

ESPERANTO | MI ESTAS DULINGVA
JE SUIS BILINGUE
KAJ VI?
ET VOUS?

PERPIGNAN C.T. 22-2-95




-En suba rondo de la ds: P.O.

-Datstampo kun PP




## AIX LES BAINS PROVINCA E-KONGRESO

Jam priskribita en LVL 100. Tamen mankis en la bildo la suba datlinio. Amouroux informis, ke la unua tago de la stampuzado estis la 16.1. 1995. Tamen supozeble ne ekzistas sendaĵoj afrankitaj de tiu-tago. La maŝino en tiu tago estis difekta. La poŝtoficisto tamen en la sekva tago stampis kompleze kun tiu dato.

## GDR 39-1

Nia Beau nun ĝin trovis, sed: sen pm. Li siatempe ricevis ĝin de la poŝtejo sur peco da papero. Kiel pruvaĵo, ke la sta funkciis en la poŝtejo. Beau mendis la stampilon ĉe la poŝto en la nomo de la "Kulturligo". Tamen, neniam ni vidis pk aŭ koverton kun tiu sta, kiu enhavas la erarajn vivodatojn de Ludwig RENN: 1829 - 1979.

Tial nia peto: kontrolu viajn posedaĵojn, ĉu vi havas tiun stampon kun la malĝustaj vivodatoj.

Laŭdire la poŝt-oficisto jam antaŭ la "unua tago": 16 11 89 stampis kvanton da poŝtaĵoj per la erara stampilo kaj ekspedis ilin dum la 16 11. Tiuj stampoj havas la horindikon: 15. La sta sen vivodatoj havas la horindikon: 14..., klara pruvo, ke la poŝtistoj manipulis la stampilon kaj ne atentis la horindikon.

Denove mia urĝa peto: kontrolu, ĉu vi posedas la sta kun vivodatoj. Plej verŝajne ili troviĝas sur sendaĵoj, senditaj de nia iama membro Giso BROSCHE. Li tiutempe, ĉiam semajnon antaŭ la uzado de nova stampilo, deponis en la poŝtejo kvanton da sendaĵoj por ricevi novajn stampojn.






## E-POŜTMARKOJ






Maksimumkarto:
SERVO PER AMIKECO

### LA E-PM DE LUKSEMBURGIO (IPA-MONDKONGRESO)

Niaj amikoj Heiss kaj Hirsch informis pri detaloj lige kun la E-pm de Luksemburgio, trovita de Basso. La germana filatela informilo "Michel-Rundschau" informis pri ĝi sub la Michel-Katalog-numero 1343 kun eldondato de 16.5. 1994. Temas pri memoriga pm por la "UK" de Internacia Polica Asocio (IPA). En la IPA-emblemo troviĝas en oraj literoj la teksto: SERVO PER AMIKECO. Nia Hirsch ricevis de la estro de la labor-grupo: 'Polico, Horst Deitrich, la jenajn filatelajn materialojn au;lige kun gi:

-Koverton kun speciala franclingva stampo de la unua tago

-Koverton kun la kongresa stampo de 7.6.1994.

-E-maksimumkarton kun la kongresa stampo de 7.6.1994.

Sur la maksimumkarto troviĝas ankaŭ la nomo: LËTZEBUERG t.e. LUKSEMBURGIO en la regiona dialekta lingvo.

Koran dankon al ambaŭ niaj klubaj amikoj pro la informoj.

(rimarko de Hirsch: Mi intertempe dankis al s-ro Deitrich pro la alsendo de la filatela materialo).

## NUMISMATIKO



### NUMISMATIKA STRANGAĴO

Nia AMOUROUX senkomente sendis kopion de 500-złota monbileto de 1982 kun private farita E-surpreso:

10-a EKUMENA KONGRESO IKUE/KELI, 9-16.7.1994 en Gostyń (PL)

Certe temas pri stultaĵo, sed eble ja tamen iu interesiĝas pri ĝi... Jen la bildo...:

NUMISMATIKA STRANGAĴO EL POLLANDO

NARODOWY BANK POLSKI
FZ 3612480
10-a
Ekumena Kongreso
IKUE - KELI
9 - 16. 07. 1994
Gostyń - Pollando
500 PIĘCSET ZŁOTYCH
WARSZAWA 1 CZERWCA 1982 r.
TADEUSZ KOŚCIUSZKO

CETERAĴOJ

BILDKARTOJ: VORTA ARTO SUR KARTO

Sub tiu titolo aperis informo en "esperanto" aprilo 1995 pri tiu interesa bildkarto. Jen la plena teksto:

"...La dekstra vortoplena bildkarto de Rolf ERNST (Svislando), portretante la amaskulturon de Esperantio, ekfuroras ĉe la libroservo de UEA.

(vd.sur paĝo 78 sub:

Fake

Mia propra citaĵo: 78 ESPERANTO aprilo 1995

MAKSIMUM-KARTO DE KOLOMBIO

Tiu MK ankoraŭ estas havebla kontraŭ la prezo montrita en LVL 100 de: D-rino Betty CADAVID, Apartado 055077, Bogota D.C. Kolombio. Intertempe mi hazarde trovis en la katalogo 1994 de la libroservo de UEA oferton pri la tuta bildkart-serio: "Mirinda Kolombio" kun 18 diversaj kartoj. La prezo estas: 28 guldenoj. Kompreneble sen pm kaj stampo! Tiu serio aperis 1992.
Nia kluba amikino CADAVID informis, ke ŝi deziras partopreni dum majo 1995 la nacian filatelan ekspozicion per E-ekspozaĵo. Ni deziras sukceson kaj esperas informon pri la rezulto. Dankon al vi pro la senditaj informoj!

LA NACILINGVAJ TEKSTPARTOJ DE LA JAPANA TELEFONKARTO (LVL 100)

Enmetu laŭ la direkto de la sago




Memoraĵo pri via ĉeesto en la 71-a UK de Esperanto

E-Amikaro de Oomoto (cirkle de la bildo de Zamenhof)

En la lasta LVL mi demandis pri la signifo de la japanaj tekstoj en la TK. Respondon mi ĝis nun ne ricevis de niaj klubanoj, sed en la hungara gazeto EVENTOJ mi trovis informojn.(vd.supre)

## ESPERANTO EN POŜTMARK-AŬKCIOJ

Tre ofte estas ofertoj pri E-filatelajoj en aŭkcioj. Tie oni povas trovi fakte ĉion! Sed la prezoj ofte superas la eblecojn de niaj kolektantoj. Hodiaŭ mi montras oferton pri aerpoŝte sendita tutaĵo de Dancigo kun la kongresa stampo, ekspeda aerpoŝt-stampo de Dancigo, alvenstampo de flughaveno Berlin kaj du aliaj poŝtaj stampoj. La minimuma prezo: 180 US-dolaroj. Aldoniĝas 10% por la komercisto. Povas okazi, ke tiu prezo multobligas, se estas pluraj interesuloj.Tiuj multekostaj E-filatelaĵoj troviĝas preskaŭ nur en posedo de riĉaj filatelistoj. En tiu ĉi kazo en posedo de "DANZIG-kolektantoj".



## AŬKCIO DE BRAZILAJ E-FILATELAĴOJ

Tempo: 2-a de septembro 1995

Se vi havas intereson, sendu vian mendon al:

VERLAG KARLHEINZ WITTIG
POSTFACH 1329

D-53786 LOHMAR

La prezidanto de la "Laborgrupo Brazilo" en la Germana Fila-Asocio okazigos leter-aŭkcion por dissolvi postlasaĵon de Brazil-kolektanto. Por niaj klubaj amikoj kelkaj pozicioj povas esti interesaj. Ŝube mi notos tiujn. La aŭkcio estis planita jam antaŭ jaroj, sed okazis malhelpoj. Interesuloj sin direktu al la supra adreso kaj aldonu 1 IRK por la respondo.

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

| | | |
|---|---|---|
| 211 | unuataga kajero por postmarkoj kun klarigoj en diversaj lingvoj ankaŭ en Esperanto. Eldonita okaze de la "Tago de Venko" | 20,-- gmk |
| 278 | stampoj BR 3,6,7 (2x), 21+25 sur ekspo-PK. | 100,-- gmk |
| 279 | stampo BR 3 sur loka letero, alvenstampo | 40,-- gmk |
| 280 | vd. pozicion 211 | 30,-- gmk |
| 281 | TUT-BPK 1933, kompl.serio ELF-AREK-katalogo TUT BR 1-20 | 300,-- gmk |
| 282 | TUT-BPK 1934, ELF-AREK-katalogo TUT BR 37(?) kun la sta de Specimena Foiro. | 40,-- gmk |
| 287 | 5 PK kun sta BR 3 | 300,-- gmk |
| 288 | kompleta PK-serio de 1936 (?) kun la E-stampo BR 4 | 50,-- gmk |

## TUTAĴOJ

## TUT-PK KUN PRIVATA ALPRESO EL ĈINIO

Jam pli longtempe mi ĝin posedas: 2-fenan TUT-PK-on (1-87) kun privata alpresaĵo, eldonitan de Zhang LINRUI. Bildflanke estas portreto de Mao Zedong kaj la montaro Jen-an.

Dorsflanke estas presita la teksto de la Mao-eldiro pri Esperanto en originalaj ideografiaĵoj kaj en E-traduko.

La E-a poŝta stampo pri tiu eldiro por la E-gazeto "YAN-AN-ESPERANTISTO" havas la daton 1989-12-9.

Mi substrekas, ke temas pri TUT-PK kun p r i v a t a a l-p r e s o .




MI DIRUS ANKORAŬ LA SAMON: SE ONI PRENAS ESPERANTON KIEL FORMON POR PORTI LA IDEON VERE INTERNACIISMAN KAJ LA IDEON VERE REVOLUCIAN, DO ESPERANTO POVAS ESTI LERNATA KAJ DEVAS ESTI LERNATA. MAO ZEDONG LA 9-AN DE DECEMBRO

TUT-PK kun kun privata alpreso el Ĉinio.

**ESPERANTISTOJ SUR PM**



**LORENZO PEROSI**

DON LUIGI ORIONE
E LORENZO PEROSI









GIORNO DI EMISSIONE • FIRST DAY COVER • JOUR D'EMISSION • ERSTTAG • UNUATAGA KOVERTO

LORENZO PEROSI (1872 - 1956)

Itala katolika pastoro, komponisto de religia muziko. Li scipovas Esperanton kaj kutimis skribi siajn italajn tekstojn per la Esperanta alfabeto, eĉ per E-aj supersignoj. En iu frua numero de "FENIKSO" nia antaŭa redaktoro Antonio de Salvo raportis pri tio.




La itala poŝto aperigis 2 Perosi-pm-ojn la 30-an de decembro 1972. Ankaŭ la Vatikano eldonis pm-on pri li (28an de novembro 1972). Sur la 180-Lira Perosi-pm videblas notoj kun la teksto "al-leluĵa" do, kun E-a supersigno. La vatikana UTK havas ankaŭ la tekston: "unutaga koverto" en Esperanto. Sed la UTK estas farita de filatelejo, do ne-posta.

TADEUSZ KOTARBIŃSKI (1886 - 1981)

Pola filozofo, profesoro, doktoro, prezidanto de la Pola Akademio de Sciencoj.




el intervjuo por "La Verda Vojo", marto 1958
"...Mi ekkonis Esperanton kiel lingvon treege simplan kaj facilan. MI ĝojis pro ĝia simpleco kaj la perspektivoj por homoj ne havantaj eblecon ekposedi 2-3 ĉefajn eŭropajn lingvojn.

Ne estas konata, kiam kaj kie li lernis Esperanton, eble niaj polaj amikoj tion scigos al la redaktoro. 1987 nia Bielak sendis al mi leteron kun la pm pri Kotarbiński. Jen mi ĝin montras al vi.

# GLUMARKOJ

NEKONATA GLM PRI LA 72-a UK

Nur nun trovis nia kluba amiko Bielak el Inowrocław (PL)tiun ĝis nun ne konatan glm. La jubilea emblemo estas verda. En ĝia mezo la kolono kun monumento pri la pola reĝo Sigismund III-a La E-stelo estas arĝenta sur verda. Temas pri memglua marko. La mezuro: 8,9 x 13,2 cm.




Dankon al li pro la informo. La aliaj de vi priskribitaj glumarkoj estas en nia katalogo sub la no: 673 kaj tiu pri la 17-a pola E-kongreso ne estas glm, sed presita emblemo pri ĝi. La informojn pri iuj polaj E-stampoj mi envicigos en la sekvonta LVL.

Atentigo: Pri aliaj, nur nun trovitaj glumarkoj, ni informos vin en la sekvonta LVL:

## NI PRI NI

LA KONTNUMEROJ DE NIA KASISTO

Pro kelkfojaj ŝanĝoj de la kontonumeroj enŝteliĝis en la lasta LVL ne ĝustaj kontonumeroj, pardonu!! La ĝustajn kontonumerojn vi nun trovas ĉi-sube.

Krome notu la novan telefon-numeron de nia Rolf Beau:
03 41/ 9 80 40 29

## ATENTIGO DE NIA KATALOGPRILABORANTO

Kun la mendoj de SUPLEMENTOJ 1995 mi ankaŭ ricevas/is petojn, kunsendi suplementojn el la antaŭaj jaroj. Mi atentigas, ke tio ne plu eblas. Estas rekomendinde, se mankas al vi suplementoj, tiam mendu la koncernan katalogan parton. Per tio vi ŝparas monon kaj al mi eviteblan kromlaboron.

Konstato: Depost la apero de nia katalogo mi forvendis intertempe pli ol 80 ekzemplerojn. La mendoj de suplementoj ĉiam restas sub 20 pecoj. Demando: Ĉu estas pli bone labori kun antikva katalogo ol kun ĝisdatigita katalogo??

*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*

INFORMILO DE ELF-AREK
(Esperanto-Ligo Filatelista=Amika rondo de Esperanto-Kolektantoj)
Offizielles Organ der ArGe Esperanto (laborgrupo Esperanto)
im (en la) deutschen (germana) VPhA
(asocio de la Filatelaj Laborgrupoj)
<><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><>

| | | |
|---|---|---|
| *Redaktoro:* | *Rudolf Burmeister,* | *Max-Müller-Str.62<br>D-09123 Chemnitz* |
| *Prezidanto:* | *Ivar Paulsson,* | *Skytteholmsvägen 29<br>S-17144 Solna* |
| *Kasisto:* | *Rolf Beau,* | *Jacobstr. 9<br>D-04105 Leipzig* |
| *Banko:* | Sparkasse Leipzig, Konto-No: 1 190 223 208<br>Bankkod-no.(BLZ): 860 555 92 | |
| *Postbank:* | *Nürnberg Konto-No: 036 6737 855<br>Bankkod-no.(BLZ): 760 100 85* | |
| *UEA-konto:* | *elfx-r:* | |
| *Kotizo 1995:* | *DM 26,-- /13 IRK* | |
| *Stampobanko:* | *Werner Heimlich,* | *Fröbelstr. 4<br>D-29614 Soltau* |
| *Kompostis, presis kaj ekspedis* | *Richard Hirsch,* | *Lambertstr. 12<br>D-36251 Bad Hersfeld* |